


*Multajn sukcesojn al ĉiuj, kiuj vizitas Esperanto-kursojn!*


INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

ILEI

SEPTEMBRO 2002

N-ro 3 (102)

## Pri la lingv'aĵo kaj ortografio de




Sen pied'notoj ni uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiuj estas trov-eblaj en la hejm'paĝo de Juna Amiko: *http://www.banyai-kkt.suli-net.hu/esperanto*

**Krom-signoj**, kiuj helpas komenc'antojn:

**Divido-streko (-)** troviĝas inter la elementoj de vort'kun-metoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri...

**Vertikala strek'eto (')** signas mankon de fin-aĵo: bild'karto, verd'iĝi...

Kiam io helpas la re-konon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto re-venas en la sama artikolo aŭ kiam la vor-to estas tre kon'ata jam por komenc'anto (espe-rantisto, patrino...) ni ne uzas kromsignon.

Vi ofte trovas komojn (,). Ankaŭ per tio ni dezi-ras helpi komencantojn.



***Sur la titol'paĝo: Gelernantoj de serba baz'lernejo Ljuba Nešić kun sia instruistino***

# *Kion ni celas?*

*Antaŭ 30 jaroj, en novembro de 1972 aperis la prov'numero (n-ro 0) de nia revuo. En septembro de la posta jaro venis n-ro 1, kiun sen-interrompe sekvis la ceteraj ĝis la nuna septembro, kaj mi forte esperas, ke la ven'ontaj jaroj al-portos multajn novajn kaj interesajn numerojn.*

*Sed ĉi-foje mi ne volas festi niajn atingojn. Nun mi intencas paroli pri la celo, destino de Juna Amiko, kiu de-komence deziras esti pli ol simpla inform'ilo aŭ amuzilo, per tio neniel neglekt'ante[1] tiujn funkciojn de nia period'aĵo[2].*

*Ni volas pruvi, ke post relative mal-multaj kurs'horoj oni povas profiti el la lingvaj studoj. Ni volas liveri ion interesan kaj varian jam en la komenco kaj praktike prezenti la facil'econ kaj super'econ de la gramatika strukturo de la internacia lingvo antaŭ mondaj lingvoj, kiuj volas sin al-trudi al la homaro.*

*Ni deziras prezenti la riĉ'econ de la tutmonda kulturo, la aktiv'adon de esperantistoj ali'landaj; kaj fine, estus utile doni almenaŭ bazajn informojn pri nia mov'ado por al-tiri novajn aktiv'ulojn, kiuj daŭrigos la laboron de la nuna, iom maljuna generacio[3]. Jen niaj principoj. Ĉu ankaŭ vi estas preta fari la mondon pli humana[4] kaj viv'inda?*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

1. sen-atente preter-iri / 2. gazeto, kiu aperas regule post certa tempo / 3. sam'aĝ'ul'aro / 4. hom'ama.

# VERDA PAĜO

## FAKTOJ KAJ ARGUMENTOJ[1] PRI ESPERANTO

*Tiu ĉi rubriko servas niajn nov'ulojn. Oni ofte metas al ni demandojn, kiujn – pro manko de sufiĉaj spertoj – estas malfacile respondi, konvinke re-bati. Ĉi tie ni deziras liveri utilajn faktojn kaj argumentojn.*

## *Kial vi lernas Esperanton anstataŭ studi la anglan, ekzemple?*

Ni alte respektas la anglan kaj ĉiujn aliajn etnajn[2] lingvojn. Ili ĉiuj bon'ege servas la komunik'adon interne de la koncerna etno, nacio, sed por trans-etna komunikado neniu el ili vere taŭgas, ĉar ili vole-nevole al-trudas la vivo-stilon de la popolo, kiu ĝin de-naske uzas.

Por *transnacia komunikado* ekzistas du ebloj: (1) la ***tradicia***, kiam la lingvo de iu politike kaj ekonomie granda potenco de la epoko servas kiel per-ilo. *(Vidu la historion de la homaro ekde praaj tempoj ĝis hodiaŭ.)* Aŭ (2) iu komune akcept'ita ***neŭtrala***[3] ***lingvo***, kiu donas (mal)avantaĝon al neniu hom'grupo, sed egale servas por ĉiu. Kiun el tiuj du vojoj elekti?

En demokratio por demokrato povas esti nenia dubo pri la respondo: *estas elekt'ebla nur la dua vojo.* Ĉu tut'certe? La respondo por multaj ne estas ankoraŭ kategoria[4] "jes", ĉar la lingva diskriminacio[5] ankoraŭ ne far'iĝis okulfrape klara kiel, ekzemple, la rasa, seksa aŭ religia, malgraŭ ke ekzistas nenia diferenco inter la ĉi-lastaj kaj la unua. Neniu kulpas pri sia ge-patra lingvo. Ne li/ŝi elektis ĝin, sekve, pro ĝi rajtas havi nek avantaĝojn, nek malavantaĝojn. Ni ĉiuj – sen-depende de la gepatra lingvo – estas egal'rajtaj. Diferenc'igo laŭ lingvoj estas, do, peko kontraŭ la fundamentaj homaj rajtoj.

*Ni laboras por demokratiaj lingvaj rajtoj*

*Per Esperanto ni luktas, do, por nobla kaj tre aktuala[6] afero.*

**Se vi havas demandon, proponon aŭ alian opinion, skribu al ni, ni petas.**

1. konvinkaj pruv'ajoj / 2. etno: sam'de-vena hom'grup'ego / 3. prefer'anta neniun / 4. decida, sen-duba / 5. mal-justa diferenc'ig'ado / 6. nun-tempa, ne eks-moda

NIA KULTURA HEREDAĴO[1]

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, el-stara islanda poeto,* ***Baldur RAGNARSSON****. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel'konscia esperantisto, sukcesa pled'anto por nia nobla ideo. (Red.)*

---

## 18 Lajos Tárkony[2]

BILDOJ EL LA HISTORIO

*"Lia kolekt'ita poem'aro estas unu el la ĉefaj libroj, kiuj ankoraŭ mankas al ni."* Tiel deklaris *William AULD*, la redakt'into de la unua el-dono (1958) de *"Esperanta Antologio[3]"*, pri la poeto, kiun mi nun prezentas al vi. Ses jarojn poste ja aperis tiu longe atend'ata libro, ducent paĝoj da zorge rafin'ita[4] poezio. Tiam estis pas'intaj kvardek jaroj, de kiam *Lajos TÁRKONY* debutis[5] sur la paĝoj de la revuo *"Literatura Mondo"*.

Lajos Tárkony naskiĝis en Budapeŝto en 1902, kaj tie li loĝis dum sia tuta vivo. Lia familia nomo estis *Totsche*, kaj antaŭ la dua mond'milito liaj verkoj aperis sub tiu nomo. Li lernis Esperanton kiel 17-jar'ulo kaj baldaŭ okupis sin pri tradukoj el la hungara. En 1924 li debutis kiel recenz'isto[6] en *Literatura Mondo*, kies kun-redaktoro li poste fariĝis en tiu "kverel'anta[7], re-paciĝa kara kamarada[8] rondo", kiel li diras en unu el siaj poemoj, alud'ante[9] al siaj kolegoj[10] en la redakcio. Sur la paĝoj de tiu plej fama el Esperantaj kulturrevuoj *Tárkony* baldaŭ fariĝis unu el niaj plej sagacaj[11] kritik'istoj, efektive oni povas rigardi lin la fondinto de serioza literatura kritiko en Esperanto. Liaj studoj de la ĉefaj Esperanto-verk'istoj tiu-tempaj havas daŭran valoron. Tiuj aperis libro-forme sub la titolo *"De paĝo al paĝo"* (1932, reeldono 1976).

La kritikaj artikoloj kaj studoj de Tárkony estas ĉiel atent'indaj, sed tamen lia nomo unua-vice lig'iĝas al lia ori-

ginala poezio[12]. Kelkaj liaj poemoj aperis en la kolekto *Dekdu poetoj* (1934), sed estis kun lia granda poem'kolekto *Soifo* (1964), ke li estis plene taks'ebla kiel grava poeto.

Tiu libro havas apartan pozicion[13] en la originala poezio de Esperanto en multaj rilatoj. Ĝi prezentas la tutan vivon de homo, kiu ĉiam estis

bildojn en multaj poemoj, ekzemple en la jena poem'eto, titol'ita *La nubo*, verk'ita laŭ la japana versoformo *tankao*:

*Nubo sur monto*
*sid'iĝis, gasto teda,*
*kaj per pluv'gutoj*
*ĝi klaĉas[19] monotone[20],*
*ĝis enu'iĝ' osceda[21].*

# LITERATURO DE LA ESPERANTA

fidela al siaj intimaj[14] sentoj kaj kuraĝis esprimi ilin en tia sincera maniero, kia distingas profunde personan poezion. La titolo *Soifo* bone servas kiel unu-vorta karakteriz'aĵo de lia mult'faceta[15] person'eco, sopiro al la variaj donoj de la vivo, arto, belo kaj vero.

Tamen, laŭ informoj, lia ekstera vivo ŝajne ne estis mult'eventa[16]. Li estis ŝtatofic'isto, profesio[17] kiu ver'ŝajne ne donis al li multan varion. Plendoj estas tamen maloftaj, kvankam multaj havas ja melankolian[18] tonon. Arta kun-ludo de objektivaj observoj kaj subjektivaj komparoj kreas surprizajn

La poem'libro de Tárkony enhavas kelkajn am'poemojn, plej-parte rezignacie[22] melankoliajn[23]. Lia amo al Esperanto estis tamen la plej fidela, la plej konsola. En la poemo *Esperanto* li taksas la valoron, kiun tiu am'ata lingvo havas por li dum la militaj jaroj:

*Sub peza, sufoka[24] milita*
*atmosfero,*
*en mia minac'ata ermito[25]-ĉelo,*
*en kresk'anta, sub-prema izolo,*
*via petola ludo rima,*
*via ne-super'ebla klaro esprima,*
*via serafe[26] pura, superba[27]*
*simbolo*
*estis mia sola konsolo.*

Lajos Tárkony mortis en 1978. Li fermis sian solan poemlibron per poemo titolita *Nokt'iĝo*. Dekkvar jaroj pasis inter ĝia apero kaj lia morto, tamen oni sentas la finon en ĝiaj lastaj vortoj:

*Al flor'odor' miks'iĝas*
*nuanco*[28] *velka,*
*supre ĉiel' bril'najla:*
*kovr'ilo ĉerka.*

La poezio de Tárkony kaj liaj kritikaj verkoj kaj tradukoj, apartenas al la plej belaj kre'aĵoj de pure esperant'isma kulturo.

1. oficiala skrib'aĵo pri la lasta volo de la mort'anto / 2. Lajoŝ Tarkonj / 3. kolekto de belliteraturaj verkoj / 4. arte alt'kvalita / 5. unuan fojon el-paŝi antaŭ publiko / 6. recenzi: fari mallongan kritikan raporton pri verko / 7. kvereli: kolere mal-konsenti / 8. amika, reciproke respekta / 9. ne rekte mencii / 10. kun-labor'antoj / 11. lerte saĝaj / 12. arto poeta / 13. ĉi tie: lokon, kiun okupas lia verk'aro / 14. plej proksimaj al la koro / 15. mult'flanka / 16. evento: okaz'aĵo / 17. salajro-dona fak'laboro / 18. mal-ĝoj'humoran / 19. sen-pri-pense parol'aĉas / 20. unu-tone / 21. oscedi: mal-rapide el-igi aeron tra la buŝo pro enuo aŭ dorm'emo / 22. kun ne-kredo pri sukceso / 23. plenajn de mal'ĝojo / 24. mort'iga pro aero-manko / 25. sol'ulo, viv'anta for de homoj / 26. serafo: anĝelo de plej alta rango / 27. tre bel'ega / 28. apenaŭ videbla diferenco.

*Lajos TÁRKONY*

# MIA LITO

*Laŭ via koketa invito*
*mi kaŝas min*
*en via varma sin'*
*ho mia, mia lito!*

*Neĝ'flokoj fal'adas ekstere,*
*popolo sen-voĉa, diligenta,*
*la murojn de mia ĉambro*
*aŭstere*
*pugnas la frosto kun furiozo*
*silenta.*

*Sed ŝirm'ata*
*de via sino vata*
*mi kuŝas, vi defendas min dorlote,*
*la mol' komforta,*
*ritmo risorta*
*en pigrajn revojn lulas min narkote.*

*Ho fero,*
*pli daŭra ol karno,*
*se l' tero*
*en trista mal-varmo*
*min brakumos per sia brak'*
*rigida,*
*kiun varm'igos via sin' perfida?*

*Endre Tóth*[1]

# Kalendaro de pigr'uloj[2]

*Lunde* ĝis tag'mez' mi kuŝis,
tiel mi nenion fuŝis[3].

Trovas min laboro *marde,*
sed la vol' ne venis arde[4].

Necesas, ĉu ne, sin amuzi,
*merkredon* jen por tio uzi!

Poste sekvas, ho ve, *ĵaŭdo,*
akompanu ĝin mallaŭdo.

Ĉu *vendredo* igu min
al labor' ĉe semajn'fin'?

*Sabate* danci estas ĝu'
sub muziko: su-su, ŝu-ŝu.

Fine venas vi, *dimanĉo*,
dolĉa kiel la oranĝo.




Tradukis: *Petro TIHANYI, Hungario*

**1. hungara nomo; el-parolu: Endre Toot / 2. mallabor'em'uloj / 3. plene difektis; misfaris / 4. varm'ege; la vorto aludas ĝoj'egon, kun kiu oni al-iras al laboro.**

❶ A UNUA ETAĜO

L

Rubriko por la plej et-aĝaj esperantistoj

stefan.macgill@galamb.net

Verk'ita de Stefan MacGill kaj liaj filinoj Karina kaj Hajnal




*Jen rakonto plena de bildoj. Diru la tutan rakonton! La vortoj sube helpos vin, al-donu -oj kaj -ojn, se necese! Vi bezonos ankaŭ numeralojn.*

# Mi rigard'egas sed aĉet'etas

En la strato mi vidis , , kaj .

En besto-butiko mi vidis ,

kaj . Imagu, eĉ estis kun .

En sport'ejo mi vidis homojn. Ili kaj

Subite, ek- kaj . Mi ne kun-portis , do mi kuris en elektro-butikon. Tie mi vidis

kaj

kaj kaj .

Mi havis nur € € € € € (=$ $ $ $ $), do mi ne aĉetis ilin. Fine, mi aĉetis nur kun .

Fine, mi iris kaj mi ĝin per la de

mia dum mi kuŝis en la .

**Helpaj vortoj**
- araneo
- aŭskultis
- aŭto
- birdo
- buso
- disko
- dolaro
- eŭro
- fulmis
- golf'ludis
- hejmen
- hundo
- kap'aŭskult'ilo
- kato
- levis pezon
- lito
- motor'ciklo
- muziko
- naĝis
- ombrelo
- pluvis
- polic'aŭto
- poŝ'telefono
- radio
- reto (aranea)
- reto (komputila)
- skiis
- televid'ilo

# ŜERCO ŜERĈO



de **Hajnal MACGILL**

Sinjoro Fistir havas stir-permeson nur de kelkaj tagoj kaj nun fiere rapid'egas laŭ la strato. Subite[1] polic'isto halt'igas lin:

"Ĉu vi frenez'iĝis? Vi sur-veturis homon! Ĉu vi ne scias, kion vi nun devas fari?"

"Jes, mi scias", diras time sinjoro Fistir: "Mi devas halti, preni kaj kun-porti la homon al hospitalo[2]."

"Do, kial vi ne faris tion?"

"Ĉar mi jam havas kvin vund'itojn en mia aŭto kaj ĝi estas plena."

Petro venas per sia aŭto al riparisto kaj diras:

"Estas malbona la bremso[3]. Bonvolu ripari ĝin."

"Bone, sinjoro" diras la riparisto: "En la ven'onta semajno ĝi estos preta."

"Nur en la venonta semajno!" krias Petro. "Ĉu vi ne povas ripari ĝin pli rapide?"

"Sed, sinjoro, vidu, kiom da aŭtoj estas por ripari!"

"Mi vidas, sed mi havas grandan haston. Mi devas urĝe aŭto-veturi!"

"Se tiom haste kaj urĝe, kial vi bezonas bremsojn?"

## Aŭtoj

1. ne-atend'ite / 2. mal-san'ul'ejo/ 3. halt'ig'ilo / 4. stir'anto aŭ -isto.

*Larĝa kaj profunda fos'aĵo plena de koto trov'iĝas en la strato. La aŭto de ŝoforo[4] en-iras kaj al-glu'iĝas. Homo iras tien kaj demandas:*

*"Ĉu mi al-konduku ĉevalojn por el-tiri la aŭton?"*

*"Jes!" diras la ŝoforo.*

*La homo for-iras kaj post mallonga tempo re-venas kun ĉevaloj kaj eltiras la aŭton. La ŝoforo donas 100 eŭrojn al la homo.*

*"De la hieraŭa nokto, estis la dudeka aŭto, kiun ni eltiris", diras la homo.*

*"Kiel? Ĉu vi laboras ankaŭ nokte?"*

*"Jes, tiam mi verŝas akvon en la fosaĵon."*

❸

*Karina MACGILL*

Rosmaroj estas mam'uloj, parencaj al fokoj. Ili pezas de 800 ĝis 1700 kilogramojn kaj estas longaj je 2,7 ĝis 3,5 metroj.

# ĈIO INTERESA PRI ROSMAROJ



Etaj rosmaroj povas naĝi jam de nask'iĝo, sed ne vere ŝatas tion fari. Anstataŭe ili kuŝas sur la patrino. Kiam ili havas du jarojn, ili ek-havas siajn dent'egojn. Virrosmaroj ofte batalas en kiuj eĉ dentegoj ofte romp'iĝas.

Ili loĝas tre proksime unuj al la aliaj, en grupoj. Ili preferas la mal-profundajn partojn de mal-varmaj oceanoj.

Mal-amikoj de la rosmaro estas polusaj ursoj, iuj delfenoj kaj balen'ŝarkoj. Ili mem manĝas konkojn, fiŝojn, mar'helikojn, krabojn kaj sepiojn.

La eskimoj unue ĉasis rosmarojn pro iliaj haŭtoj kaj viando, poste ankaŭ pro iliaj valoraj dent'egoj.

Nuntempe vivas nur 200 mil rosmaroj. Ili estas protekt'ataj bestoj.

Rosmaroj havas aero-sakojn en la nukoj. Tio permesas al ili flosi facile kaj krei sonon similan al preĝ'ejaj sonor'iloj.

*Anja Karkiainen*

# Jen mia mano




*Kial vi sola staras, amiko,*
*dum la aliaj ludas en kort'?*
*Ĉu larmojn viŝas vi per maniko*
*pro akra bato aŭ moka vort'?*

*Ĉu tiu klik'*[1] *insulti*[2] *vin provis*
*kaj vin fal'igi volis per puŝ',*
*al vi rikanis*[3], *vin flanken ŝovis?*
*Ĉu tial tremas nun via buŝ'?*

*Jam, amik'eto, ĉesu singulti*[4].
*Mi havas forton en mia man'!*
*La stult'ul'aron*[5] *lasu tumulti*[6],
*al ĝi mal-eblos plia ĉikan'*[7].

*Levu la kapon! Tiam vi vidos*
*ke ili cedis ĝeni vin plu.*
*Ĉe vi mi restos kaj ne perfidos*[8].
*Ion amuzan faru ni du!*

**Muziko:** ***Vesa Pölkki***

F G7 C
Ki - al vi so - la sta - ras, a - mi - ko, dum la a -

F G7 C C7 F Fm
li - aj lu - das en kort'? Ĉu lar - mojn vi - ŝas vi per ma-

C A7 Dm7 G7 C
ni - ko pro ak - ra ba - to aŭ mo - ka vort'?

1. mal-bon'intenca grup'aĉo / 2. ataki per vortoj / 3. mok'rid'aĉis / 4. subite kaj ripete el-igi bruon tra la gorĝo / 5. stulta: mal-saĝa / 6. tumulto: granda kaj sen-orda kur'ado de homoj / 7. intenca ĝeno por sent'igi super'econ / 8. ĉesos esti fidela; trompos.

*Serba fabelo*

# SEP URSOJ



Foje, patrino petis sian fil'eton al-porti hejt'lignon el la arbaro. La filo ek-iris, sed baldaŭ revenis kure.

– Kie estas la hejtligno, mia fileto? demandis la patrino.

– Mi ne havis tempon kolekti branĉojn – respondis la filo spirmanke. – En la arbaro sep ursoj atakis min.

– Memor'adu, ja, pli precize, mia fileto, memoradu ja pli precize! Al mi ŝajnas, ke vi troigas – diris la patrino.

– Jes, la ursoj povis esti nur du –, konfesis la filo.

– Memoradu ja pli precize! – la patrino denove admonis[1].

– Nu, unu urso tie certe estis kaj ĝi estis treege granda, tiel granda kiel nia dom'eto –, diris la filo.

– Memoradu pli precize, mia fileto! – la patrino pacience diris.

– Eble, tie neniuj ursoj estis, sed mi timis en la granda arbaro kaj tial kuris hejmen. Certe la vento susuris[2] en arbustoj[3] kaj mi opiniis, ke tie trov'iĝas urso.

El *Planteto*, Finnlando, n-ro 2/1969

1. igis iun fari ion kuraĝe / 2. milde zumis / 3. arb'et'aĵoj.

## ALBANAJ SAĜAJ VORTOJ

Patrio[1] kaj patrino ne estas forges'eblaj.
Manĝu kiom vi havas, laboru kiom vi povas.
Estas facile diri, sed malfacile fari.
Kie kantas pluraj kokoj, tie malfru'iĝas la tag'iĝo.
Metu ĉion en sian lokon, kaj vi trovos ĝin ankaŭ en mallumo.
Pro mielo oni laŭdas ne la floron, sed la abelon.

1. patr'ujo.

## TROMPAJ VORTOJ

En *dezerto* oni preferas akvon al *deserto*.

Per *komo* la bovo ŝir'vundis ĝisoste lian *kamon*.

**Konstruu similajn frazojn kun la vortoj:**

| | |
|---|---|
| *malico* | *milico* |
| *referi* | *preferi* |
| *lektoro* | *rektoro* |
| *proceso* | *procezo* |
| *inspiri* | *konspiri* |
| *etiketo* | *etikedo* |
| *raketo* | *rakedo* |
| *cigaredo* | *cigareto* |
| *kontinento* | *konfidenco* |
| *kulturi* | *kultivi* |
| *racio* | *nacio* |
| *reakcio* | *redakcio* |
| *karcero* | *kancero* |
| *pelto* | *felto* |

# KAFO *Kie kaj kiel estis mal-kovr'ita?*

Estis, foje, paŝt'isto en Arabio. Li ĉiu-tage pas'igis la tempon paŝtante siajn kaprojn sur mont'etoj, kiuj ĉirkaŭis lian vilaĝon. Vespere, post la preĝo, li ofte babilis kun siaj amikoj parol'ante pri la misteroj[1] kaj la mirind'aĵoj, kiujn li renkontis en la naturo. Tamen, liaj kamaradoj en-dorm-iĝis pli frue ol li kaj ili ĉiam lasis lin sola.

Iam, li supren-iris monteton kun siaj kaproj. Sur la supro de tiu monteto, li rimarkis ĝardenon da arbetoj, kiujn li neniam vidis antaŭe. La arbetoj portis ruĝajn fruktojn. Mirinde, la kaproj manĝis la ruĝajn berojn de tiuj arbetoj kaj, post momento, ili ek-salt'adis dis-kur'ante.

Tiam la sci'vol'ema arabia paŝtisto bol'igis akvon kaj en-metis kelkajn ruĝajn berojn. Tuj, kiam la likv'aĵo varm'et'iĝis, li gust'umis… La trink'aĵo estis tre agrabla. Vespere, li regalis[2] siajn amikojn per tiu trink'aĵo. De tiam, post la preĝo, liaj amikoj ne plu endormiĝis frue.



La arbetoj, kiuj portis ruĝajn berojn, estis kaf-arbetoj.

Tiel la kafo estis mal-kovr'ita.

*Michel NKWIRIKIYE,*
Tanzanio

1. surprizaj sekretoj / 2. donis manĝ'aĵon aŭ trink'aĵon al invit'ito(j).

# *Zora* HEIDE: KURSO POR KOMENC'ANTOJ



1. -o(j)n formo de o-vorto / 2. aro da vortoj plej ofte kun punkto ĉe la fino / 3. sento pro ne-atend'ita okaz'aĵo.

**Instruistino:** Hodiaŭ ni devas lerni la akuzativon[1]. Per simpla ekzemplo mi montros al vi ĝian uz'adon. *(Ŝi montras al jun'ul'ino junulon, kiu sidas ĉe ŝia dekstra flanko)* Karlo amas vin.

**Maria** *(ofend'ite):* Mi ne amas lin.

**Petro** *(kiu sidas ĉe ŝia maldekstra flanko):* Estas mi, kiu amas ŝin. Li ne rajtas ami ŝin.

**Karlo:** Hieraŭ ŝi diris al mi, ke ŝi amas min.

**Maria:** Mi ne memoras, kion mi diris hieraŭ, sed hodiaŭ mi amas Petron.

**Karlo** *(kolere):* Mi mort'igos Petron.

**Petro** *(kuraĝe):* Mi ne timas vin.

**Maria** *(ploras):* Mi amas Petron kaj malamas Karlon.

**Instruistino:** Sed ge-junuloj, kio okazas ĉi tie? Mi donis nur ekzemplon. Maria, estas via privata afero, ĉu vi amas Petron aŭ Karlon, sed vi almenaŭ korekte uzis la akuzativon. Jen nova frazo[2]. *(Al Maria)* Karlo kisis vin.

**Maria** *(kolere):* Mi ne amas lin kaj li ne rajtas kisi min.

**Karlo:** Mi kisos ŝin. *(Li ek-staras kaj iras al ŝi.)*

**Petro** *(ankaŭ ekstaras kaj baras al Karlo la vojon):* Ŝi amas min kaj mi rajtas kisi ŝin. *(Li al-proksim'iĝas kaj volas ŝin kisi, sed Karlo halt'igas lian intencon. Ili komencas batalon. Petro venkas kaj kisas la junulinon.)*

**Instruistino** *(krias):* Vi ne rajtas kisi ŝin dum la kurso. Kiu volas kisi min? *(Surprizo[3], silento. Petro kaj Karlo re-iras al siaj lokoj.)*

## Ĉu vi scias...

- kiu hispana reĝo brul'mortis apud kandelo[1], ĉar oni ne trovis la "moŝt'ulon", kiu havis ekskluzivan[2] rajton movi la brak'seĝon de la reĝo?

*(Filipo la 3a, 1598-1621)*

1. tre simpla lum'ilo, uz'ata en preĝ'ejoj, ekzemple / 2. solan, ne-trans-don'eblan.

- *pri kiu oni diras: Li/ŝi estas kiel la azeno de Buridano?*

*(Pri homo, kiu estas hezitema. Laŭ-dire la azeno de Buridano estis tre mal-sata kaj soifa, sed ne povis decidi, ĉu manĝi aŭ trinki unue kaj, fine, mortis pro malsato kaj soifo.)*

*Zoltan* KURUCZ

## MALJUNULO KAJ LA MORTO

Foje maljunulo el-hakis arbon en arbaro kaj portis ties branĉojn hejmen. Li devis kun-porti ilin mal-proksimen, lac'iĝis, de-metis de la ŝultro la faskeĝon[1] kaj laŭte ekĝemis[2]:

– Ho, se nur venus nun la morto!



Tuj aperis la morto kaj diris:

– Jen mi. Kion vi volas?

Ek-timis la maljunulo kaj respondis:

– Helpu al mi levi la faskon, mi petas!

Tradukis: *Elizabeta* RAUTMÁR, Hungario

1. ar'eto el longaj aĵoj / 2. dolore kaj plende el-diris.

# Odesaj katakomboj[1]

*Urbo Odessa en Ukrainio staras sur katakomboj kaj legendoj[2]. Legendoj kaj katakomboj estas ĉe ni ne-dis'ig'eblaj.*

## Ĉu vi scias, kio estas Odesaj katakomboj?

Tio estas aro da mal-plenaj galerioj[3] aŭ tuneloj[4], kiuj restis sub Odessa post el-preno de kalko-ŝtono, el kiu estas konstru'ita la malnova Odessa. Do, se tiel diri, ĝi estas "la negativo de Odessa": La urbo estas konstruita el la el-ter'ig'ita ŝtono, kaj sub la urbo restis la sam'volumena[5] mal-plen'aĵo, la subtera mal-urbo. La tuta long'eco de la sen-orda labirinto[6] superas dumil kilometrojn, sed la duono restas tute ne-kon'ata. Ekzistas multaj tuneloj, pri kiuj oni konas, sed neniam oni sukcesis trovi ilin. Multaj el ili nun estas plen-ig'itaj de akvo.

La el-ter'ig'ado de kalko-ŝtono komenc'iĝis en la 1820-aj jaroj (baldaŭ post la fondo de Odessa en 1794) kaj daŭris ĝis la 60-aj jaroj de la 20-a jar'cento. Oni tranĉis la molan ŝtonon per seg'iloj kaj la pretajn blokojn[7] forvetur'igis per ĉaroj, tir'ataj de ĉevaloj.

## Varia uz'maniero



Jam ekde la mezo de la 19-a jarcento ek-loĝis homoj en la for-las'itaj minoj[8]. Komence, tiuj estis ministoj, ekloĝ'intaj "proksime al la labor'ejo"; poste sekvis ilin kontraband'istoj[9], kiuj subtere, sen-dogane[10] trans-port'adis komerc'aĵojn; kaj dum tempestaj[11] jaroj, ekde la komenco de la 20-a jarcento, tie kaŝis sin revoluci'uloj kaj for-kur'intoj el diversaj armeoj. En 1919 tie funkciis subtera pres'ejo.

## La plej terura epoko

En 1941-44, dum la faŝista[12] reg'ado de la urbo, en la katakomboj trov'iĝis lernejo, uzinoj[13] de municio[14], stokejoj[15], staboj[16] kaj loĝ'ejoj de partizanaj taĉmentoj. Tiu-tempe konstante aŭ portempe en la katakomboj loĝis de 100 ĝis 20.000 personoj! En la 50-aj jaroj tie estis form'itaj stokejoj, vin'keloj kaj eĉ taksi'ejo[17]. En la 70-90-aj jaroj en la katakomboj aperis fungo-kultiv'ejoj kaj muzeo de partizana batalo. Nun la Odesaj katakomboj aspektas kiel kelk-

kilometra labirinto de subteraj koridoroj, jen 3x4 metrojn altaj kaj larĝaj, jen 20x 40 centimetrojn etaj. Estas tie lokoj, kie oni devas rampi kvar-piede.

En-tute, la katakomboj estas legendo de Odessa kaj revo de preskaŭ ĉiuj odesaj ge-buboj[18]. Allogas la sekreto de neniam vid'itaj kaŝ'vojoj de la subtera labirinto, kiuj povas al-porti ajnan surprizon – de or'trezoro[19] ĝis morto en plenaj mallumo kaj sol'eco... Trezoroj, cetere, neniam troviĝis tie, kaj dank' al la prov'ita sav'taĉmento, feliĉe, jam de-longe neniu mortis misvoje, sed jun'eco ĉiam bezonas aventurojn.

## NUN-TEMPAJ ESPLOROJ



Nun-tempe, tie okazas konkursoj pri orient'ado, kiujn partoprenas teamoj ne nur el Odessa, sed ankaŭ el aliaj urboj. En multaj lokoj ekzistas "baz'ejoj", kie la teamoj loĝas dum kelkaj tagoj. La manĝ'aĵon kaj akvon oni alportas, ĉiujn el-ĵet'aĵojn oni kolektas en plastajn sakegojn kaj for-portas ilin supren, ĉar en la katakomboj estas ĉiam konstanta temperaturo +14 C°, absoluta[20] mallumo kaj plena manko de mikroboj[21], kiuj povus asimili[22] kaj putr'igi la rubaĵon[23]. Do, tie estas sterila[24] atmosfero, kaj konsciaj vizit'antoj penas ĝin konservi.

Laŭ-plane esploras la lokon la Odesa klubo "POISK" (Esploro), fondita en 1961. Jam la tria generacio de nia junularo venas al la klubo. Ni volonte kontaktas kun aliaj kluboj, kiuj interesiĝas pri speleologio[25], subteraj kav'aĵoj kaj similaj aferoj.

La ret'adreso de nia klubo estas: *<samorukov@ukr.net>.*

*Aleksandr Samorukov,*
*estro de la klubo "POISK"*

*Tatjana Auderskaja, gvidantino de*
*junulara Esperanto-klubo "Vardaĵo",*
*Odessa*

1. sub-teraj koridoroj / 2. pli-malpli fid'indaj rakontoj pri malnovaj okaz'aĵoj / 3. koridoro, en kiu oni prezentas, ekzemple, art'verkojn al la publiko / 4. longa, tubo-forma ejo / 5. volumeno: spac'ero, kiun okupas aŭ en-havas objekto / 6. voj'aro aŭ tunel'aro tre malfacile el-ir'ebla / 7. peza peco de iu mal-mola materio / 8. subtera kav'aĵo, el kiu oni elter'igas ŝtonon, karbon... / 9. kaŝ'komerc'istoj / 10. sen pago al la ŝtato / 11. tempesto: vent'ego / 12. faŝisto: sekv'anto de la Hitlera ide'aro / 13. produkt'ejoj, fabrikoj / 14. paf'aĵo / 15. loko por havi produktaĵojn en granda kvanto / 16. ĉef'soldat'aroj / 17. taksio: lu'ebla aŭtomobilo kun ŝoforo / 18. ge-knaboj (iom petole) / 19. trezoro: kolekto de alt'valor'aĵoj / 20. plena, sen-manka / 21. mikroorgan-ismoj / 22. ali'formi por nutri sin per ĝi / 23. malpur'aĵon / 24. tia, ke mankas mal-san'igaj mikroorganismoj / 25. scienco pri esploro de subteraj kavaĵoj.

# KVIZO KONKURSO POR VI en 


Kara amiko, ne forgesu, ke vi povas ek-partopreni en nia kvizo-ludo post ioma ajn turniro. Informu viajn kon'atojn pri la ebl'eco kaj al-tiru konkurs'ontojn!

La regularon vi trovas en la numero: n-ro 1/02 (100), marto 2002, p. 20.

Kompletajn listojn vi trovas en nia hejm'paĝo. Vizitu ĝin, ni petas:

***www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto***

---

## Post du turniroj ĉe la pintoj staras la subaj konkursantoj:

***1-a kategorio:*** *Ana Milković, HR: 51 p.; Monika Tunjić, HR: 50,5 p.*

***2-a kategorio:*** *Samanta Čajić* kaj *Marina Milković, HR po 56 p.; Rušmar Uglješa, HR: 53,5 p.; Ivana Bekavac, HR: 52,3 p.*

***3-a kategorio:*** *Svijetlana Akik, HR* kaj *Maria Molnár, HU po 56 p.; Lenče Efremova, MK: 55,5 p.; Pavol Petrik, SK: 55 p.*

***En Interkulturaj Klasoj (IK) ĉe la pinto troviĝas:*** *Bazlernejo Dragutin Domjanić, HR* (1a kategorio); *Medicina Edukejo, HR* (2a kategorio).



### *La plej lertaj solv'intoj de la junia numero (Redaktis kaj korektis: Marija Belošević, Kroatio*

**1-a kategorio:**

*Ana Milković, HR 28 p.*
*Monika Tunjić, HR 27,5 p.*

**2-a kategorio:**

*Samanta Čajić, HR 30 p.*
*Marina Milković, HR 30 p.*
*Uglješa Rušmar, HR 27,5 p.*
*Ivana Bekavac, HR 27,5 p.*

**3-a kategorio:**

*Svijetlana Akik, HR 30 p.*
*Maria Molnár, HU 30 p.*
*Lence Efremova, MK 29 p.*
*I. Pavlinić-Bartol, HR 28,5 p.*
*Pavol Petrik, SK 28 p.*
*Zorica Ranogajec, HR 27 p.*

n-ro 3 | **13-a konkurso-jaro** | Lim'dato: 1.XI.2002

1. Klar'igu la diferencon: (2 poentoj)
   *Mi skribas Esperante. / Mi skribas esperante.*
2. Al-donu taŭgajn tabel'vortojn: ... *plaĉas al vi mia amiko?* (3 poentoj)
   ... *vi ne diras, kion vi volas? Mi ... estis en Romo.*
3. Skribu naŭ vort'radikojn, kies unua litero estas K kaj la tria R. (3 poentoj)
4. Korektu la frazon, se necesas: (4 poentoj)
   *Petro kaj lia frato vizitis sian onklinon kaj ŝian edzon en ilia nova domo.*
5. Skribu tri frazojn kaj ĉiu el ili en-havu prepoziciojn *al, en, po* (3 poentoj)
6. Per ĉi tiuj 16 silaboj[1] formu la nomojn de kvar bestoj: (4 poentoj)
   *ci, di, do, kap, ko, ko, kro, le, lo, lo, ni, o, o, o, par, re*
7. Ŝerca demando: Kiu ŝtono estas la plej pia[2]? (3 poentoj)
8. Kion vi farus, se vi havus 10 mil eŭrojn? (3 poentoj)
9. Menciu almenaŭ du mond'famajn brazilajn verk'istojn. (2 poentoj)
10. Mia onklo Longbarbul rakontis: Kiam mi estis en Antarkto[3], atakis min blanka urso. Mi sukcesis mort'pafi ĝin. La felon mi posedas ĝis hodiaŭ. Ĉu vero aŭ mensogo? (3 poentoj)

La solvojn sendu al: *Dieter Berndt, Berolinastr. 2, D-10178 Berlin, Germanio*
Ret'adreso: *<dieter.berndt@berlin.de>*

1. vort'eroj / 2. tre fidela al Dio / 3. ne-loĝ'ata mondo-parto de la Tero.

## Solvoj de la antaŭa numero (n-ro 2)

1. Avo rakontas al siaj *nepoj*: ... ĉe la *maro* ... en la apuda *lago*.
2. maristo, marbesto, markolo, marŝipo, marestaĵo, enmara, transmara, surmarigi...
3. Amiko de amiko *estas ankaŭ amiko.*
4. ekzemple, kaj aliaj, post Kristo
5. studi, alpropriigi / ruinigi, pereigi / marko, spuro / rapide, senprokraste*
6. *rozo, tulipo, siringo, violo, lilio, narciso, primolo, galanto, hiacinto**
7. Antaŭ ol veturi necesas inter-konsenti pri la detaloj kun la gastiganto.*
8. In-spir', JoMo friponas, Duone, Sur-voje, Verda-stelaj Brazil'aĵoj, Sen*
9. *Ivo Andrić, Albert Camus, Yasunari Kawabata, Henryk Sienkiewicz**
10. marko > *manko* > *banko* > benko

* *Ekzistas ankaŭ alia(j) ĝusta(j) solvo(j).*

KRIMO KONTRAŬ LA NATURO

# Nigra rikolto de la hom'aro

*Fragmentoj[1] el la artikolo de Eŭgenia Zvereva, redaktoro de* KONTAKTO

Eksplodo[2] en la Atom'energia Centralo[3] (AEC) de Ĉernobil okazis nokte, inter la 25a kaj 26a de aprilo1986

● La patrino vokas min hejmen. La vetero estas ne-kutime varma por aprilo kaj mi ne volas re-veni. La patrino aspektas tre zorgo-plena. La fenestroj estis ferm'itaj. Ŝi telefon-parolas kun la patro: radio-aktiv-eco... Ĉernobil... uranio[4]... katastrofo[5]... urĝ'ege... Mi, sep-jara, ankoraŭ ne scias tiujn vortojn. Estis la 26a de aprilo 1986, Ukrainio, Kijiv, 100 km de Ĉernobil.

Miaj gepatroj ek-sciis pri la eksplodo iom pli frue ol aliaj urb'anoj: de nia najbar'ino, kiu laboris en armea hospitalo[6]... Amas'komunik'iloj silentis kvazaŭ nenio okazis en-tute.

● La eksplodo okazis dum eksperimento[7]. La superaj organizoj ellaboris kaj aprobis la planon, kiu pro sia laik'eco[8] estis super ajna kritiko. La voĉoj de la kontraŭ-star'antoj simple ne estis konsider'itaj. ... la Ĉernobila centralo havas kvin protekto-sistemojn, sed por igi la eksperimenton pli "pura", la estroj decidis *intence mal-funkciigi[9] ĉiujn kvin protektosistemojn*. Kaj tio, kune kun ĉiuj aliaj mis-agoj, far'iĝis fatala[10].

● La mensogoj atingis tian gradon, ke dum la unua ĉi-rilata gazet'ara konferenco en Moskvo oni diris, ke la radi'ad'nivelo en la centralo estas ĝis 0,015 rentgenoj hore, kvankam ĝia vera nivelo en la loko, kie antaŭe troviĝis la reaktoro, estis 500-15000 (!) rentgenoj hore. En la apudaj teritorioj – ekde 0,5 ĝis 10 rentgenoj hore (laŭ la Tut'monda Organizo pri San'protekto la normo estas 0,0013 rentgenoj hore).

● En la ĉernobila historio inter-plekt'iĝis la krima ag'ado de mal-kompetentaj estroj kaj la hero'eco de iliaj sub-uloj. Plur'foje fajro-esting'istoj iris rekte al la faŭko[11] de la reaktoro. Fin'fine ili sukcesis estingi la fajron kaj tiel preventi[12] la eksplodon de la tri apud-star'antaj reaktoroj... Iom poste, unu el ili, mort'ante, diris: *"Mia korpo trans-form'iĝis al tuta doloro, kvazaŭ iu faris fajron ene de mi..."* Vladimir PRAVIK – la estro de la fajro-brigado – estis la unua, kiu pereis post la eksplodo. Lia haŭto estis brul'vund'ita ĉie, parte pro la radiado, parte pro la fajro.

● Mi finas tiun ĉi artikolon per la vortoj de M.Medvedjev: "Kio estas la leciono de Ĉernobil?... Sam'tempaj ĉio-pov'eco kaj sen-fort'eco de la hom'aro denove atent'igis: ***ne trouzu vian ĉiopovecon, homo****. Ĉar vi ne nur estas la kaŭzo, sed ankaŭ la konsekvenco."*

*KONTAKTO, n-ro 189 (2002:3), paĝoj 4-5*

*Kontakto estas du-monata soci'kultura revuo de Tutmonda Esperantista Junul'ara Organizo (TEJO) el-don'ata de Universala Esperanto-Asocio (UEA). Legu kaj abonu ĝin! Ĝi estas plena de tre interesaj artikoloj el la tuta mondo.*
*TTT-ejo: <**http://www.tejo.org/ eldonoj.jsp**>*

1. el-ĉerp'aĵoj / 2. subita grand'forta dis-ĵet'iĝo / 3. centra dis-don'ejo de elektro-energio, ekzemple / 4. la plej grava font'elemento de atom'energio / 5. tragedio por granda hom'amaso / 6. mal-san'ul'ejo / 7. scienca provo / 8. laiko: ordinar'ulo, ne-special'isto, ne-fak'ulo / 9. igi servon, aparaton "labor'anta" / 10. est'ig'anta tragedion / 11. buŝ'ego / 12. antaŭ-iri por malebl'igi damaĝon.

# INTERKULTURO



*Heim'paĝo:* **http://il.uniroma3.it/kler**

*Karaj gekolegoj, kun ĝojo ni sciigas vin, ke INTERKULTURO renoviĝos kun konsidero al la spertoj en la antaŭa periodo.Pri la sekretariado zorgos nova teamo.*

*En la centro de la aktivado plue staros **"Esperanto por interkultura edukado"**, kio plene koincidas kun la celado de niaj lingvo kaj movado.*

*Ni petas vin informi viajn lernantojn pri la ebleco aliĝi al tiu ĉi nobla kaj eduka aktivado. Ne forgesu ke sen ligo al konkreta agado la lingvoinstruado malofte donas fruktojn.*

*Ni atendas vin kaj viajn geknabojn. Nia revuo regule raportos pri la agado de niaj Interkulturaj Klasoj. Multajn sukcesojn!*

## GRAVA SCIIGO POR ABONANTOJ

*Nia administranto informas:*
Se iu ne ricevis la ĝustan abon'itan kvanton, skribu al li: S-ro Sándor Hideg, Szendrey u.19. HU-2016 Leányfalu, Hungario

Hungaroj abonu al *Mónika Molnár* per roz'ruĝa ĉeko. Ŝia adreso: Mónika Molnár, Ságvári u. 21, HU-9735 Csepreg, Hungario

EI LITOVA STELO
*Turnu la bildon je 180 gradoj.*



# Klaŭdia

*Verk'ita de Sonmy*


















# LINGVA DOKTORO

H

## Pri la uz'ado de akuzativo

Ĉiu el ni scias, ke en Esperanto ekzistas du kazoj: **nominativo** (*-o/-oj, -a/-aj*) kaj **akuzativo** (*-on/-ojn, -an/-ajn*). El ili, por multaj, zorgojn est'igas akuzativo, kiu plej ofte en ilia gepatra lingvo esprim'iĝas per vort'ordo, t.e. la rekta objekto (akuzativo grand'parte servas por esprimi ĝin) staras post kaj ne antaŭ la verba predikato. Dank' al la akuzativa fin'aĵo Esperanto havas grandan liber'econ de vort'ordo.

-N

Ekzistas verboj, kun kiuj ne povas stari rekta, akuzativa objekto. Tiuj verboj estas ***netransitivaj*** *(ntr).* Tiaj estas, ekzemple, la verboj: *esti, stari, sidi, kuŝi, silenti, ripozi, promeni, kuri...*

Aliaj povas stari kaj sen kaj kun rekta objekto. Tiuj verboj estas ***transitivaj*** *(tr)*. Ekz.: *Ŝi legis. Ŝi ludas*. Sed, ĉar la verboj *legi* kaj *ludi*, per si mem, ne ĉiam estas sufiĉe klaraj, necesas plie detal'igi: *Ŝi legis gazeton aŭ libron, artikolon, poemon, svedajn vortojn... Ŝi ludas pupon, patrinon, violonon, man'pilkon...* Ni rigardu, do, por kio servas akuzativo.

A) *Por esprimi* ***rektan objekton*** kiel en la supraj ekzemploj.
*– Kion faras Andreo?*
*– Li lernas / manĝas / tradukas.*
*– Kion li lernas / manĝas / tradukas?*
*– Li lernas japanan lingvon. / Li manĝas rizon. / Li tradukas poemon.*
(En la rolo de rekta objekto ne malofte staras infinitivo, kiu neniam povas alpreni akuzativan finaĵon: *Li komencas labori. Li ne volas silenti. Li ŝatas aŭskulti muzikon.*)

B) *Por esprimi* ***tempon*** *(tempopunkton aŭ -daŭron)* kun transitivaj kaj netransitivaj verboj egale:
*– Kiam vi ekvojaĝos?*
*– Lundon. / La 26-an de oktobro. / Vesperon post la festo. / Vespere, 6 minutojn antaŭ la 9-a horo. / Du semajnojn post la geedz'iĝo.*
*– Kiel longe vi loĝis tie?*
*– Kvin tutajn jarojn./ Unu tagon kaj duonon. / Preskaŭ la tutan vivon.*

C) *Per akuzativo ni povas esprimi* ***mezuron***. Kiel ekzemploj servu la sekvaj frazoj:
*– Kiom li aĝas?*
*– Ĉirkaŭ 25 jarojn. / Pli ol 70 jarojn. / Du-tri jarojn pli ol via fratino.*
*– Kiel alta ŝi estas?*
*– 173 centimetrojn alta. / Ĉirkaŭ 5 centimetrojn pli alta ol Edina.*
*– Kiom da kilometroj vi veturis?*
*– 480 kilometrojn. / Cent kilometrojn malpli ol hieraŭ. / Terure multajn.*

Ĉ) *En prepozitivoj* (la prepozicio povas for-esti, se la verbo havas kiel prefikson la saman prepozicion) *akuzativo esprimas* ***direkton*** *(al kiu loko).*
*– Kien vi metis la ŝlos'ilon?*
*– En la poŝon. / Sur la tablon.*
*– Kien li iris?*
*– Li eniris la ban'ĉambron.*
Eĉ:
*– Kien ili vojaĝos?*
*– Ili vojaĝos Pekinon.*

*Geza* KURUCZ

*Antaŭ kelkaj semajnoj mi ricevis dikan koverton*[1] *de s-ro Waner Marliere Arruda, brazila Esperanto-instruisto, kiu bezonas por siaj lernantoj lego- kaj lerno-librojn en Esperanto. Helpu lin, se vi povas. (lia hejma adreso: d-ro Waner Marliere Arruda; Rua Luciano Groppo, 171-B. Jardim Ines Groppo; BR-36500-000-UBÁ-MG-BRAZILO).*
*Li sendis por nia revuo plurajn interesajn artikolojn. Jen unu el ili.*

## ARITMETIKO POR VI (I)

*Aritmetiko* estas grava branĉo de *matematiko*. Ĝi instruas nin pri nombroj kaj pri tio, kiel kun- kaj dis-meti ilin.

**NOMBRO** – La nombro montras, el kiom da unuoj konsistas la kvanto. La nombro povas esti: *entjero* (sen-frakcia nombro), *frakcio*, *vic'montra*, *para*, *nepara*, *abstrakta*, *konkreta*, *simpla* kaj *kun-met'ita*.

**ENTJERO** – estas kvanto, kiu konsistas el senfrakciaj unuoj. Ekzemple (ekz.): 2 bananoj, 5 piroj, 9 pomoj, k.t.p.

**FRAKCIO** – estas kvanto, kiu konsistas el ono(j) de unuo(j).

2 numeratoro
3 denominatoro

Ekzemple: $\frac{1}{2}$ = duono, $\frac{1}{4}$ = kvarono, $\frac{3}{4}$ = tri kvaronoj de horo. Ekzistas

**NORMALA FRAKCIO** – En kiuj la numeratoro estas malpli granda ol la denominatoro, t.e. la kvanto estas malpli granda ol unu.

**NENORMALA FRAKCIO** – En kiuj la numeratoro estas pli granda ol la denominatoro. Ekzemple: $\frac{41}{7}$ (kvardek unu seponoj) egalas $5\frac{6}{7}$. Tion oni nomas *frakcia nombro*. Ĝi konsistas el entjero kaj normala frakcio.

**DECIMALA FRAKCIO** – estas frakcio, en kiu la denominatoro ĉiam estas 10 aŭ ĝiaj 10-obloj, tial oni for-lasas ĝin, oni skribas nur la numeratoron post decimala komo (,) aŭ punkto (.). Ekz.: 3,6 / 3.6 (3 komo / punkto kaj 6, aŭ 6 dekonoj); 26,47 / 26.47 (26 komo / punkto kaj 47, aŭ 47 centonoj). *(Daŭrigo sekvos)*

*Sendu, se vi povas, esperant'aĵojn al la aŭtoro!*

1. leter'ujo el papero / 2. determini: difini precize, ne mis-kompren'eble / 3. montras.







## Re-abonu al nia revuo frue, laŭ favora, ĉi-jara amika prezo!

ILEI jam decidis abon'tarifojn por la jaro 2003. Pro kelkaj kialoj ni devas alt'igi ilin:

Unue, la *kostoj alt'iĝ'adas*, ĉefe la afrankaj kiuj atingas 70 % de ĉiuj kostoj. Nul'igo de aparta tarifo por gazetoj kaj du altigoj en la jaro signifas, ke multaj jar'abonoj ne plu kovras eĉ la rektajn kostojn. Due, la *nombro de la abon'antoj mal-kreskas*, de 1936 ekzempleroj en 1999 ĝis ĉirkaŭ 1000 nun. Pli grave, plen'tarifaj abonoj falis de pli ol 500 ĝis ĉ. 200.

**Ni simpl'igis la tarif'aron kun intenco, ke ĝi restu sen-varia tra tiom da jaroj kiom eblas. Kiel ni simpligis? Ni egal'igis la sumojn por dolaro kaj eŭro. Ni havas nur du tarifojn. Tarifo 1 restos** (Okcidenta Eŭropo, Nord-Ameriko, Aŭstralazio kaj Japanio)**. Tarifo 2 estas por ĉiuj ceteraj landoj krom Hungario. Restas signifaj rabatoj por kvantaj sendoj al unu adreso, eĉ ekde du ekzempleroj. Krom-pago por prioritata sendo** (malnova "aero-poŝto")**: 30%. Vidu la tarif'aron por 2003 sur la lasta paĝo.**

*En specialaj kazoj (kiel nun por Brazilo kaj Afriko) ni fiksos pli favorajn kondiĉojn por grand'kvantaj liveroj.*

Por mild'igi la altigojn, ni anoncas ilin frue kaj dissendas varb'ilojn (novajn kaj malnovajn) kun ĉi tiu numero. Pliajn stokojn de varbiloj petu de la administranto (adreso sur paĝo 27). **Ni akceptas abonojn por 2003 laŭ la ĉi-jaraj tarifoj ĝis la jar'fino** (sed ne post tiam!)**. Do, reabonu frue por ricevi nian Juna Amiko amike!**

*smg*

Varb'anto por Juna Amiko estas serĉata. Kun sinproponoj turnu vin al Stefan MacGill (retadreso sur p. 27)



Cafú, la kapitano

# Tut'koran gratulon al

# BRAZILO

## 5-an fojon sur la zenito

En la 17-a Tut'monda Ĉampion'eco de
**Futbalo**
la Brazila Teamo akiris
**Oran Medalon!**

BRAZILO
2—0
GERMANIO

Ni aparte gratulas al Ronaldo,
kiu fariĝis la gol'reĝo
(per 8 ŝot'itaj goloj)
de la Ĉampioneco.

## Sen-pagaj nov'aĵoj el la mondo en Esperanto!

*Ne hezitu aboni al tiu ĉi senpaga servo!*




- Por ricevi Inter-gazeton per ret'poŝto skribu al *<e-inform@index.hu>*
- Por ricevi Intergazeton per poŝ'telefonaj mesaĝ'etoj (SMS) skribu al la supra adreso aŭ telefonu al *+36 1 217 3912* aŭ sendu poŝtelefonan mesaĝeton (SMS) al la numero *+36 30 3444777* (el Hungario: *06 30 3444777*) kun la en-havo "intergazet:<via nomo>". Se vi havas adreson, al kiu eblas sendi por vi SMS-ojn per retpoŝto, bon'volu ĝin indiki.

La hungaraj uz'antoj de Pannon GSM havas ebl'econ ricevi retpoŝton pere de SMS (ekzemple *+3620123456@sms.pgsm.hu*).

*INFORMU VIAJN GEAMIKOJN PRI TIU NOVA SERVO!*

***Intergazeto estas senpaga servo, sed via apogo estas bon'vena:***

- Per aĉeto aŭ helpo en la dis-kon'ig'ado de la komputilaj programoj de *Abonasoft* (uzeblaj ankaŭ en Esperanto, la programo *SoftMemor* helpas lerni kaj instrui la internacian lingvon)
- Per financa sub-teno al UEA-konto SLMN-L.

## *Enigmo-rozo*




1. Ĉef'urbo de Eŭropo.
2. Metalo.
3. Aero-fluo.
4. Trov'iĝas en fruktoj.
5. La plej malgranda ero.
6. Lando.
7. Hejm'besto.
8. Akompanas tondron.
9. Muzik'aĵo.
10. Azia urso.
11. Loko por sidi.
12. Danĝera mal-sano.
13. Parto de homa korpo.
14. Ŝtato en Azio.
15. Tago de semajno.
16. Famili'ano.
17. Arta produkto.
18. Feria loĝ'ejo.

*Dieter* BERNDT

Sendu la solvojn ĝis la 30a de novembro 2002 al la adreso de la redaktoro (ĉi-sube).


**juna amiko**

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**

29-a jaro, n-ro 3 (102), 2002

**Aperas 4 fojojn jare**

Hejm'paĝo de la revuo: **www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto**

**Redaktoro: *Géza KURUCZ* (Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario)**

**Retadreso: suli267@szeged.sulinet.hu**

**Vicredaktoro: *Stefan MacGill* (retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**

**Administranto:** *Sándor Hideg*. Szendrey u.19, HU-2016 Leányfalu, Hungario

Retadreso: **juna.amiko.adm@posta.net**

**Eldonanto: ILEI, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge, Svedio**

Lingva revizianto: *Baldur RAGNARSSON* (Islando)

**Kunlaborantoj:** ***s-ino Raita Pyhälä, Anja Karkiainen*** (Finnlando), ***Baldur Ragnarsson*** (Islando), ***Tatjana Auderskaja*** (Ukrainio), ***s-ino Jennifer Bishop*** (Aŭstralio), ***Zoran Čirić*** (Jugoslavio), ***s-ino Saranath*** (Hindio), ***Gennadij Basov*** (Rusio), ***Bardhyl Selimi Mezini*** (Albanio), ***Till Dahlenburg, Dieter Berndt*** (Germanio), ***Pekim Tenorio Vaz, Evandro de Freitas*** (Brazilo), ***Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz*** (Hungario), ***Marija Belošević*** (Kroatio), ***Michel Nkwirikiye*** (Tanzanio), ***Eugenia-Ecaterina Popoviciu*** (Rumanio), ***Mensah B.Attiogbe-Agbemadon*** (Togolando), ***José J.Campos Pacheco*** (Kubo), ***Vesa Pölkki*** (Finnlando).

**Grafikistoj:** ***Irina Nagy*** (Rumanio), ***Monika Molnár*** (Hungario), ***Pavel Rak*** (Ĉeĥio)

**Komputila kolora tekniko:** ***János Bakk*** (Hungario)

**Farita en Presejo Saluton**

**Chinoin u.20, H-1045 BUDAPEST, Hungario**

**ISSN 0230 1318**

***KIOM da aŭ-finaj vortoj vi konas?***

*Por facil'igi la solvon, ni donas mal-supre la vorton ESPERANTO. Helpe de tiu vorto solvu la ceterajn kaj sendu ilin al nia redaktoro. (Vidu lian ret/adreson sur la antaŭa paĝo!) Bonan sukceson!*



| 13 | 3 | 9 | 13 | 12 | 6 | 4 | 7 | 16 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| E | S | P | E | R | A | N | T | O |

*Kompil'ita de José Saraiva Matos (Jozefo HAJLO), Brazilo*

## Abon'tarifoj de Juna Amiko por la jaroj 2003-2004

Validaj ekde la 1-a de januaro 2003

| | EUR /USD | 2–4 ekz. | Ekde 5 ekz. | Prioritate |
|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 12 | po 8 | po 6 | +30 % |
| Tarifo 2 | 6 | po 5 | po 4 | +30 % |
| Hungario | 800 HUF | 650 HUF | 500 HUF | — |